## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Itala** | 10 | liroj. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, Ljuben Karavelov. 40. SOFIO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Ain Vahuri. VIRU-KABALA.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). Poŝtkonto No. 191714.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Soekalilah. 14, CHERIBON.

**Pola:** Józef Migacz. Dlugosza 2. NOWY—SACZ.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.
kaj:
**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Fritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

16=a jaro (Numero 6) 1937.

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. Winschoten (Nederlando).
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam. (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
Prezidanto de TAGE: Dro Bj. BECKMAN, St. Eriksgatan 110, Stockholm Svedujo.
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw=Scheemda (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando).
A. VAN HAGE. Zuidwending. Veendam (Nederlando).

En Jugoslavujo mortis nia ano

JANIĈ ZARKO.

Juna ankoraŭ, sed fervora esperantisto. Precipe li interesiĝis pri T.A.G.E. kaj I.P.R., kaj tuj aliĝis, kiam li eksciis pri instruista organizaĵo.

La Jugoslava sekcio perdis gravan membron.

Nian tutkoran kondolencon al la familianoj.

## Imitinda laboro.

Nia asocio progresas, sed ankoraŭ pli forte kaj rapide progresus, se ĉiuj volus energie kunlabori. Sed kion fari? Multaj opinias, ke ili ne scipovas Esperanton tiel bone, ke ili povas verki artikolojn en la revuo.

Jen du ekzemploj! Faru la samon!

1. Nia kara kaj fidela amikino, Fraŭlino Julie Ŝupichová en Praha, redaktas unupaĝan Esperantokronikon en la revuo LIST, oficiala organo de la granda Asocio de ĉeĥoslovakaj instruistinoj, kies Prezidantino, Sinjorino F. F. Plamínková estas membrino de la Senato. En siaj kronikoj Fraŭlino Supichova ĉiam ankaŭ mencias la ĵus aperintajn numerojn de I.P.R. kun resumo de ilia enhavo. Bedaŭrinde mi ne povas tute kompreni la ĉeĥan tekston, sed sufiĉas ja, ke la legantinoj ĝin komprenas! LIST estas la sola organo pedagogia kaj virina, kiu tiom favoras Esperanton; *la supre nomita asocio mem estas membro de T.A.G.E.!!*

Ankaŭ la ĉeĥlingva Informilo Měsíční Zpravodaj, kiun eldonas kaj senpage en kvanto de 30.000 al pedagogoj kaj lernejoj dissendas Sinjoro eldonisto Ant. Dědourek en Trebechovice, enhavas Esperantorubrikon de Fraŭlino Ŝupichova.

Ni dankas kaj gratulas!

2. La gazetara komitato de Norvega Esperantista Ligo pere

de sia sekretario, Sinjor Amsiun Jensen multfoje skribis kaj laŭdis la enhavon de I.P.R. kaj ankaŭ akiris permeson traduki el la revuo por aperigo en norvegaj fakgazetoj. Jam aperis artikoloj pri usonaj kaj finnugraj padagogiaj aferoj en *Vär skole* (Nia lernejo) kaj *Norsk skuleblad* (Revuo por norvegaj lernejoj), kaj aliaj artikoloj sekvos!

Ni denove dankas kaj gratulas!

Kaj vi, aliaj kolegoj; ek al la sama laboro!

Bj. BECKMAN.

**(Al la artikoleto: Imitinda laboro).**

S.ro profesoro R. Gérard aperigas en ĉi-tiu numero noton pri la kolektado de Profesoro Croux kaj li mem, de horaroj de historio kaj geografio en duagradaj lernejoj kaj de la paragrafoj en la lernolibroj por la lastaj klasoj de unuagradaj lernejoj, kiuj temas pri la deveno de la mondmilito, kiel ankaŭ pri interŝanĝo de artikoloj inter I.P.R. kaj Information Géopraphique. Al tiu grava laboro mi volas voki ĉiujn legantojn de I.P.R. kaj precipe la agentojn de T.A.G.E.! Subtenu la laboron de S.ro Gérard!

---

# Esperanto en Lernejon.

Rezolucio de TAGE pri la enkonduko de Esperanto proponata al la Ferma Kunsido de la Jubilea Kongreso.

---

Konsiderante unue, ke la solvo de la problemo de unu helpa facila lingvo internacia en la epoko de la aviado, de la radio kaj de la filmo sonora por ĉiuj internaciaj rilatoj estas ĉiam pli kaj pli urĝa, kiel interalie pruvas la lasttempa propono de senatano Macartney Abbott, aprobita de la aŭstralia federala senato, pri la kunvoko de speciala Interŝtata Konferenco;

Konsiderante due, ke la sola praktika solvo de tiu ĉi problemo, kiu jam grandparte fakte aŭtomate efektiviĝas, estas ne nur laŭ la kompetentaj lingvistoj, sed ankaŭ laŭ la raporto de la sekretariejo de la Ligo de Nacioj de 1922, — la artefarita lingvo Esperanto, kreita en 1887 de pola kuracisto D-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof, — lingvo, kiu de la simpla projekto dum apenaŭ duonjarcento fariĝis granda socia movado, laŭ kultura vidpunkto, kaj vere neŭtrala helpa lingvo vivanta, uzata en ĉiuj landoj de miloj kaj miloj de laŭvolaj adeptoj por diversaj, sciencaj, profesiaj, ideaj, politikaj, religiaj kaj aliaj celoj, tiel politike neŭtrala, teknike prefekta faciliga rimedo de la interkompreniĝo inter la popoloj de ĉiuj kontinentoj;

konsiderante trie ke la literaturo kaj la gazetaro en tiu ĉi lingvo ĉiam pliriĉiĝas kaj servas al ĉiuj celoj, ke samtempe la teknika vortaro ĉiuflanke ellaborita estas jam pli riĉa ol en multaj eŭropaj lingvoj;

konsiderante kvare, ke Esperanto donas lingvan egalrajtecon al ĉiuj nacioj en la internaciaj traktadoj;
konsiderante kvine, ke en multaj internaciaj organizaĵoj (institutoj, kongresoj, oficejoj, foiroj) eĉ en oficialaj, kiel Internacia Oficejo de Laboro, — Esperanto fariĝis jam fakte en uzado laŭvice kvara aŭ kvina internacia lingvo apud la franca, la angla, la hispana kaj la germana, ĉiam kiel lingvo preferata de la larĝaj amasoj kaj plej korekte uzata el ĉiuj lingvoj;
konsiderante sese, ke en multaj landoj ekzistas jam pli aŭ malpli grandaj kadroj de instruistoj necesaj por instrui la lingvon en la lernejoj;
konsiderante sepe, ke en la landoj, kie la nombro de instruistoj ne sufiĉas, oni aplikas sukcese lasttempe la rektan metodon de pastro Ĉe, laŭ kiu instruas la lingvon fremdaj instruistoj;
konsiderante oke, ke en multaj lernejoj la lingvo estas instruata ne nur fakultative, sed devige kaj ke eĉ la plej malriĉa infano povas lerni ĝin;
konsiderante naŭe, ke multaj ŝtatoj helpas kaj subvencias tiun instruadon, rekoninte la grandan signifon, kiun Esperanto povas havi el la vidpunkto de la nacia intereso;

La Kongreso,

sankciigante la decidon de la Pariza Konferenco pri Esperanto en la Moderna Vivo, kiu postulis la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, decidas siaflanke sin turni al ĉiuj registaroj de la mondo kun la peto kaj alvoko, ke ili bonvolu aliĝi al la Interŝtata Esperanta Akordo pri la deviga enkonduko de Esperanto en la lernejojn kaj ke ĉiu ŝtato donu promeson enkonduki instruadon de Esperanto, se almenaŭ entute ses ŝtatoj donus la saman promeson. La Kongreso konsideras la proponatan de D-ro Czubrynski Interŝtatan Traktaton, kiel plej praktikan vojon por ĝeneraligi lernadon de Esperanto.

La Kongreso rajtigas sian Lokan Organizan Komitaton funkcii kiel la Realiga Komitato de la Kongreso kaj komisias al ĝi informi la registarojn pri la laboroj kaj la rezolucioj de la Kongreso.

---

# Modela Preparado de Esperanto-geinstruistoj en Helsingör (Danlando).

Ĉi tiun someron mi vizitis Danlandon, kie la Dana Esperanto-Instituto, same kiel en aliaj jaroj, aranĝis internaciajn feriajn Esperanto-kursojn en la Internacia Popol, altlernejo de Helsingör (-Elsinoro), „la urbo de Hamleto."

Partoprenis ± 82 gesamideanoj el 14 diversaj landoj. Ĉiuj partoprenantoj loĝis kaj manĝis en la altlernejo, kie dum la tuta

tempo regis agrabla, frata atmosfero. Ĉi tie ne ekzistis Danoj, Svedoj, Nederlandanoj, Francoj, k.t.p. Ni estis unu granda familio, kiu parolis kaj kantis unu lingvon.

La kursoj okazis en la matenaj horoj. Precipe por geinstruistoj, kiuj intencas gvidi Cseh-metodajn kursojn, daŭrigajn kursojn aŭ infankursojn, la „prepara kurso" estis treege interesa kaj instrua. Ĝi estis gvidata de la simpatia kaj eminenta pedagogino f-ino Margarete Saxl.

Ĉiu, kiu konas ŝin, scias ke ŝiaj lecionoj ĉiam estas treege interesaj, kaj ke la atento de la kursanoj eĉ ne unu momenton deflankiĝas. Ĉiam, kiam la sonorilo finigis ŝian instruhoron, la gelernantoj mire rigardis sian poŝhorloĝon, ne povante imagi, ke jam unu horo preterpasis.

Kelkaj kandidatoj faris provlecionojn, dum la aliaj notis siajn rimarkojn. Poste la lecionoj estis serioze pridiskutataj. Estis rimarkinde, ke la lastaj provlecionoj estis jam multe pli bonaj ol tiuj de la unuaj „viktimoj."

Pruvo, ke oni lernis per la eraroj de la aliaj:

Ankaŭ la estontaj gvidantoj de daŭrigaj kursoj kaj de infankursoj ricevis multvalorajn konsilojn.

Sed la kandidatoj vidis ne nur unu instrumetodon; ili ankaŭ konatiĝis kun la persono kaj metodo de s-ro Szilagyi (Hungarujo).

Ili ricevis valoran instruon pri Esp.-literaturo (s-ro de Waard, Nederlando), historio (f-ino Noll, Kopenhago), k.t.p. Mi estas certa, ke multaj geinstruistoj, kiuj sekvis ĉi tiun „preparan kurson", kun novaj energio kaj entuziasmo komencos aŭ daŭrigos ĉi tiun vintron la Esperanto-instruadon. Post kaj inter la lecionoj la kursanoj povis promeni aŭ ripozi en la belega, granda, malnova parko, kiu ĉirkaŭas la altlernejon.

Posttagmeze oni aranĝis por la gastoj ekskursojn al diversaj vidindaj lokoj. Mi volas mencii la viziton al la kastelo Kronborg, la ŝipekskurson al la sveda insulo Hven, la ekskurson al la bela urbo Helsingborg kaj Mölle. Dum ĉi tiu lasta ekskurso okazis interesa incidento. Iom norde de Helsingborg la sveda reĝo havas someran restadejon kun granda, belega ĝardeno.

Libere ni povis eniri en la ĝardenon por rigardi ĝin. Subite ni vidis la Kronprincon, kaj nia sveda gvidanto, s-ro Fogelberg, estis tiel kuraĝa alparoli lin, dirante, ke en la ĝardeno estas grupo de Esperantistoj el 14 diversaj landoj. La Kronprinco tuj montris grandan intereson kaj venis al ni por saluti nin. Finoj Noll kaj Saxl estis prezentataj al li. Tute senĝene la Princo parolis kelkajn momentojn kun ili.

Entuziasmaj pri la afableco de la Kronprinco, ni daŭrigis nian ekskurson al Mölle, ĝuante dum la tuta veturado la belegan naturon de ĉi tiu parto de Svedlando.

Ankaŭ oni povis pasigi la posttagmezon sur la bela banstrando de Helsingör kaj ĝui freŝigan banadon en la pura akvo de la Sont.

La lastan tagon de nia restado en Danlando ni pasigis en Kopenhago, „la gaja urbo sen mizero." Per aŭtobuso ni faris rondveturadon tra la urbo kaj admiris la belegajn konstruaĵojn. Vespere ni vizitis „Tivoli."

Preskaŭ neniam mi vidis ion tian fabelan. Mi ne kapablas priskribi la belegan iluminadon de la grandega parko, la kolorhavajn akvofalojn, la ŝprucantajn fontanojn, la ravan muzikon en la koncerta salono. Ili faris al mi neforgeseblan impreson. Kaj tiamaniere la semajno, kiun ni pasigis en la Altlernejo, vere forflugis tro rapide. Ni ĝuis la belan naturon de Danlando, la gajajn vesperojn, dum kiuj ni kantis, babilis, dancis, trinkis kafon kaj manĝis dolĉajn kukojn. Ni ĝuis la interesajn kursojn kaj prelegojn, la komunajn ekskursojn, k. t. p.

Kaj tial mi varme rekomendas al ĉiuj geinstruistoj, kiuj intencas gvidi Cseh-metodajn kursojn, daŭrigajn kursojn aŭ infankursojn, kaj kiuj samtempe volas havi agrablan, malmultekostan ferion en vera Esperanto-sfero, venontjare iri al Helsingör. Ili certe ne bedaŭros.

Sj. FEENSTRA,
nederlanda partoprenintino.

En la kursoj en Helsigör partoprenis 17 nederlandanoj, kiuj tien vojaĝis per speciala T.A.G.E. karavano, sub la lerta gvidado de nia ano, Sro. Jacobs el Heemstede. Pro liaj laboro kaj bonaj zorgoj ni tre dankas lin. Je nia bedaŭro (manko de loko) ni ne povas presi lian raporton. (Laborkomitato de T.A.G.E.).

---

# Postskribo al la artikolo „Popolinstruistoj en Estonio"

Oni sciigis min pri tio, ke mia artikolo kun supre menciita titolo vekis malagordon en estonaj rondoj. Oni volis kompreni mian priskribeton tiamaniere, kvazaŭ mia intenco estis ridindigi la lernejajn aferojn de Estonio.

Mia intenco estis alia. Efektive altegagrade alia. Apenaŭ io en Estonio tiel profunde tuŝis min kiel la laboro de multaj popolinstruistoj, fidela al la devo, skrupula, inspirata de patriota entuziasmo kaj plenumata kun la plej modestaj materiaj rimedoj, dum eksteraj cirkonstancoj, kiuj povus ŝajni sufokaj por ĉiu spirita okupo, kaj malgraŭ tio etendiĝanta vaste trans la limoj, fiksitaj per la regularo. Laŭ mia opinio superhoma laboro! Mia intenco estis verki etan himnon al tiu tipo de estonaj popolinstruistoj en la vilaĝoj, kies historio, dum la nuntempa rapida evoluo de Estonio, kredeble baldaŭ estos finita. Ke

Estonio de niaj tempoj dum sia mallonga ekzistado kiel libera ŝtato akiris la konstruadon de lernejaro, kiu en pli gravaj kulturcentroj povas konkuri kun, jes multfoje superbrilas, la lernejan organizon en ĉiu ajn moderna ŝtato, tion mi supozis esti konata al la legantoj de Internacia Pedagogia Revuo. La kultura antaŭenmarŝo de la baltaj ŝtatoj kaj precipe Estonio dum la epoko post la mondmilito ja ne povis neatentite preterpasi iun instruitan homon. Kiam la redakcio de tiu revuo petis al mi verki etan priskribon el estona lerneja vivo, mi tamen tuj spertis la senton mencii tion, kio pli multe imponis al mi sed kio estas konata nur de malmultaj : la heroa,. silenta kaj memoferema batalo de la estona vilaĝinstruisto por pureco kaj ordo, por klerigado kaj scio, por moralaj kaj estetikaj valoroj, por ĉio, kio faras la homan vivon inda esti nomata homa. Diversaj konkretaj malfacilaĵoj en lia elira pozicio — postsignoj de la epoko de l' subpremo, nuntempe pli kaj pli venkitaj — mi vere ne menciis por fari el li ridindan figuron. Ne enkalkulinte tiujn malfacilaĵojn, ne menciinte kelkajn el tiuj realaĵoj, kontraŭ kiuj li devas batali, oni ne povis prezenti lian figuron en tia reliefo, en kia mi admirante vidis ĝin.

SVEN DANELL.

P.S.

Jam ensendinte mian postskribon al la eta skizo pri la popolinstruistoj en Estonio mi post longa atendado finfine sukcesis akiri eltranĉaĵon kun tiu traduko, kiu cirkulis en la estona gazetaro. Tiu traduko en kelkaj punktoj ne estis korekta. I.a. la vorto „kortuŝa" estis tradukita per „südamest liigutatud", kio signifas „elkore tuŝita". En la kunligo tiu malkorekta traduko havas treege malfeliĉan efikon. Oni ricevas la impreson, ke la disĉiploj plorĝemas pro emocio, kiam la instruisto parolas pri pureco — groteska troigo, kiu devas esti sentata kiel ironia moko. Estas bedaŭrinde, ke la estona instruista gazeto „Opetajate Leht", kiu unue aperigis la tradukaĵon, ne posedis tradukanton plenspertan pri esperanto.

SVEN DANELL.

Laŭ mia supozo jam estas sufiĉe dirite pri tiu stranga kaj bedaŭrinda afero. La ĉi-supraj vortoj de Sro Danell ŝajnas klarigi ĉion. Tamen mi volas aldoni, ke mi pere de nia antaŭa agento en Estonio, Sro Jaanisto, en estonaj gazetoj aperigis klarigan leteron, invitante samtempe la estonajn aŭtoritatojn al sendado de nova materialo pri la moderna kleriga laboro de Estonio, al redaktado de speciala estona numero kaj al partopreno en speciala numero por libervola popolklerigo.

Bj. BECKMAN.

---



# Sciigoj de la laborkomitato.

La laborkomitato de TAGE kunvenis la 18-an de Septembro ĉe kolego Boltjes. Prezidis kolego Beckman, kiu dum la aŭtuno loĝas en Parizo kaj de tie vizitis la estraron.

Oni konstatis, ke la situacio de TAGE estas treege esperiga, kaj ke la asocio je ĉiuj vidpunktoj progresas, ne tro rapide sed des pli certe. La anaro kreskas, precipe en Ĉeĥoslovakujo, dank al la nelacigebla laboro de la agento, kolego Kilian, la financoj estas en bona stato, la revuo pli kaj pli beliĝas kaj boniĝas kaj tamen multaj manuskriptoj ankoraŭ estas nepresitaj, la asocio konkeras ĉiam kaj ĉie pli kaj pli grandan publikan rekonon kaj en esperantistaj kaj en ne-esperantistaj rondoj, kaj multaj asocioj deziras kun ni starigi pli intiman kaj pli konstantan kunlaboron.

Precipe laŭ financa vidpunkto la situacio tamen prezentas diversajn dezirindaĵojn. La asocio tre bezonas kapitaleton por neantaŭviditaj okazoj kaj por tiuj investoj, kiujn necesigas la pliampleksigita kaj ankaŭ certe pliampleksigota laboro. La laborkomitato komisiis al la prezidanto ektrakti tiujn aferojn kun koncernaj organizoj, ekzemple Union mondiale de la femme pour la concorde internationale, Fédêration internatiole des associations d' instituteurs kaj aliaj organizoj kiuj havas kun TAGE almenaŭ iom komuna celo kaj deziras kontakti kun la geinstruistaro tutmonda.

Aranĝo, kiu montriĝis tre progresiga kaj ekonomie kaj idee, estis la aperigo de specialaj naciaj numeroj. Okazas jam nobla konkurso inter la diversaj nacioj pri aperigo de tiuj numeroj, el kiuj jam aperis pola kaj sveda. Tiaj numeroj ankaŭ estos bonaj propagandiloj ĉe la registaroj kaj aŭtoritatuloj, kiuj ofte donas kaj materialon kaj bildojn kaj monan subtenon. Kiu nacio estos la sekvonta oni ankoraŭ ne scias: Hungarujo, Anglujo, Francujo, Jugoslavujo k.t.p. jam anoncis sin.

La laborkomitato ankaŭ pripensas intertraktadojn kun la koncernaj aŭtoritatoj pri aperigo de speciala numero por la libervola popolkleriga laboro kaj pri certaj lernejaj fakoj (geografio kaj historio i.o.), sed pri tio oni ankoraŭ nenion decidis. Pri la decembra numero oni unuiĝis pri tio, ke ĝi se eble estos ornamita per kolorigita alfolio kiel la pasintan jaron. La prezidanto pritraktos tiun aferon kun koncernaj presejoj kaj subtenemaj asocioj, precipe la Hungara Esperanto Pedagogia Asocio, ĉar tiun fojon precipe temas pri hungaraj infandesegnaĵoj.

Koncerne la propagandon la laborkomitato decidis, ke la prezidanto dum sia restado en Francujo vizitos la agentojn en tiu lando kiel en Belgujo kaj provos intensigi la propagandon. Li prelegos laŭ antaŭa mendo ankaŭ en kluboj pri „Instruisto spertas la mondon". La prelego estos senpaga, sed se la klubo deziras ankaŭ unuhoran filmprezentadon (8 millimetraj filmoj parte kun esperanta teksto, parte ankaŭ kolorigitaj), ĝi devas pagi iun sumon, pri kiu oni povas interkonsentiĝi de kazo al kazo. Mendoj pri tiuj prelegoj kaj filmprezentadoj oni sendu la S-ro Bj. Beckman, Hotels Becquerel, 4—6 rue Becquerel, Paris 18.

Pri la konflikto, kiu okazis inter TAGE kaj kelkaj estonaj rondoj temas artikoloj sur aliaj paĝoj. La laborkomitato konstatis, ke la tutan aferon kaŭzis miskompreno kaj malbona tradukaĵo kaj opiniis, ke la plej bona solvo estis aperigo de estona numero. La afero ankaŭ donas bonan impreson pri la kreskanta graveco de I.P.R.

Koncerne la planitan kunlaboron kun Dana Esperanto Instituto kaj oficialigo flanke de TAGE de la someraj kursoj en Helsingör, la laborkomitato decidis, ke la prezidanto daŭrigos la intertraktadojn kun D.E.I. kaj petos ĝian kontraŭproponon pri la bazo de la kunlaboro.

La diskutoj de la laborkomitato, kiuj daŭris proksimume tri horojn, kiel kutime okazis kaj finiĝis en plej bona harmonio.

II. Ni memorigas niajn anojn pri la serioj da ilustritaj poŝtkartoj (helpilo ĉe geografi-instruado.) de k-o. Hogenkamp. Vidu n^on^ 5an.

III. La sekvonta numero aperos en Decembro.

IV. B.v. nepre *tuj* pagi la kotizon, se vi ankoraŭ ne faris tion.

V. Nia prezidanto, Sro Beckmann estos en Parizo dum la sekvontaj monatoj.

---

# Ideoj de Masaryk pri instruistaro.

D.ro T. G. Masaryk, la unua prezidanto de Ĉ.S.R., rezignis en la fino de la jaro 1935 pro la alta aĝo je sia ofico kaj ricevis la titolon „Liberiginto". Li estas malgraŭ siaj 86 jaroj korpe kaj anime tute vigla kaj daŭrigas la eldonadon de siaj multnombraj sciencaj verkoj. Mi priskribos tute modernajn ideojn de ĉi tiu estinta universitata profesoro pri instruistaro kaj edukado.

Instruisto estas en lernejo aŭtoritato. Li povas esti tie monarĥo, konstitucia reĝo aŭ demokrata prezidanto. Li havas eblecon jam en lernejo doni al siaj lernantoj la politikan modelon. Infano lernas ne per tio, kion la instruisto rakontas, sed plimulte per tio, kion li estas faranta. Ĉiu instruisto, por sukcese labori, devas esti aŭtoritato ne nur en lernejo, sed ankaŭ ekster ĝi. Pro tio li estu materiale sendependa. Aŭtoritato li devas esti nepre ankaŭ en sia mastrumo. Nur se instruisto estas amiko de sia propra familio, povas esti amiko de infanoj kaj havas la moralan rajton konsili al aliaj gepatroj rilate la edukadon. Fina postulo estas, ke li estu aŭtoritato en sia komunumo. Tio ne signifas, esti komunuma sekretario, sed esti klera, bonmora kaj-karaktera. Estas ankaŭ necese, ke li estu politike sendependa.

La reformo de lernejo estas samtempe reformo de instruisto. Tio signifas plibonigi lian situacion socian kaj lian klerecon. Ĉefa kondiĉo estas, ke la instruisto amu siajn lernantojn kaj enpenetru ilian spiritan vivon, kiu ne estas abstrakte scienca, sed kutime konkreta. Li devas instruadi demonstrative, aligi la instruadon al tio, kion la lernantoj en sia ĉirkaŭaĵo vidas, kaj la instruadon kiel eble plej individualigi. Masaryk estis ĉiam kontraŭ ŝablono kaj mekanismo rilate la instruadmetodon. Infanoj estas per sia natureco sciavidaj. Ni ne turmentu ilin per konstantaj demandoj sed donu al ili la okazon, ke ili mem demandu. Logika empirio, de ĝi per indukcio al ĝeneraligo — jen la metodo de Masaryk. La fundamento de metoda principo estas kiel eble plej multe da memstareco por infano

kaj kreema, spontanea laboro, kiu ne devas esti ĉiam nur ludo. *La nuntempa pedagogio estas en la stato de evoluo kaj la tuta didaktiko estas malsana je metodiko.*

Instruisto fariĝu kamarado de siaj lernantoj! Lia aŭtoritato baziĝu nur en la diferenco de l' aĝo, en lia supereco koncerne la scion, praktikon kaj karakteron. En la rilatoj de infanoj al instruistoj estas necese pli multe da intimeco, korafableco kaj demokratio.

Ĉar la lernejo devas servi al la socia kaj filosofia celoj de la nacio, bezonas la instruisto koni la ĝeneralan historion kaj patrujsciencon. La historio montras al li la celon, kiu estas de la nacio kaj ŝtato atingota. En la evoluo de la lernejo estas la sorto de demokratio.

La instruisto bezonas la klerigon ekonomian, por kompreni la laboriston kaj kampiston. Li nepre konatiĝu kun ĉiuj socialaj nuntempaj problemoj, speciale kun socialismo. La instruisto estu instruta en la morala statistiko; t. e. statistika patologio, enhavanta sciencan priskribon de la malsanaj statoj de la socio. Pro tio la instruisto havas la devon konatiĝi kun la konkreta psikologio. Plue estas al li necesa la psikiatrio por kompreni diversajn patologiajn kazojn. Tio kompreneble postulas la kleriĝon en ĝenerala biologio, fiziologio kaj infana psikologio. Al ĉio menciita apartenas ankoraŭ la konatiĝo kun arto kaj literaturo, Jen estas la sumo de klerigo de la moderna instruisto! El ĉio aludita rezultas, ke ĉiu instruisto devas havi *la universitatan klerigon.*

Se pastro, se kuracisto, se eĉ veterinaro estas akademie klerigitaj se la samon oni ankaŭ komencas postuli eĉ de la terkulturistoj administrantaj bienojn, kiel estas eble, ke ni kontentiĝus kun pli malalta klerigo de l' instruistoj?

Ni rimarkigas, ke tiu ĉi postulo de Masaryk jam parte efektiviĝis. La progresema ĉeĥoslovaka instruistaro fondis per propraj monrimedoj Superan Pedagogian Fakultaton en Praho kaj Brno. Restas nur demando, kiam la ĉeĥoslovako registaro ĉesis esti apatia al tiu ĉi fakto kaj decidas enkonduki la devigan klerigon de l' instruistaro en la pedagogiaj fakultatoj ĉe universitatoj.

A. VALOUŜEK.

---

# Leciono pri Desegno.

Ĉu oni vere povas lerni desegnadon, ne havante specialan proprecon?

Tion multaj el miaj gelegantoj ne kredas. Ili firme asertas, ke ili provis, ne sukcesis, kaj de tiam forlasis tiun netrafeblan studadon.

Nu, se ili ne povoscias desegni, tio estas simple tial, ke ili ne scias vidi. Ĉar mi ĉi tion certigas:

*Tiu, kiu scias vidi, povoscias desegni.*

Kaj tiu frazo nepre ne estas paradokso. Ĝi estas veraĵo, kiu estas al mi pruvita de ofte ripetitaj profesiaj eksperimentoj.

Efektive, multfoje okazis al mi, en mia desegna klaso, korekti parole desegnaĵojn, aŭ pli precize, korektigi desegnaĵon nur per demandoj al la lernanto: tio estas simpla apliko de l' Sokrata *majeŭtiko*, de la spiritakuŝo.

Ĉu vi volas ĉeesti la scenon?

Iu ajn modelo — ludilo — estas sur la modeltableto.

Ĉiuj kopias kiel ili povas, post aŭskultado — aŭ nur aŭdado — de la ĝeneralaj klarigoj. Post kelkaj momentoj, mi komencas ekzameni kaj korekti la laboraĵojn. Mi alvenas al juna lernanto, kiu, li diras, ne estas nature desegnema.

Gravajn difektojn mi konstatas pri la konstruado de lia skizo: malgranda trimotora aviono.

Mi lin diras:

— „Sur via desegno, la fino de l' maldekstra alo de ĉi tiu maŝino estas pli maldekstra ol la direktila vosto. Ĉu tiamaniere vi ĝin vidas?"

— „Jes, sinjoro."

Tamen, supraĵa ekrigardo al la modelo konigas, ke oni nepre ne estas certa pri tio.



— „Bone, mi diras; ni kune pririgardu tion. Ĉu tiu ĉi vosta fino estas dekstre aŭ maldekstre de la ala fino?"

Ĉar oni ne povas tiufoje respondi per jes aŭ ne, la lernanto faras la tradician geston, kiu estas centfoje al li konsilita, kaj kiun ducentfoje li malatentis: unu okulon li fermas, kaj sian krajonon li vertikale tenas antaŭ la diskutata parto.

Tuja estas la respondo :

— „Sinjoro, ĝustsupre de l' vosta fino estas la ala fino."

Rapida estis la respondo, kaj ĝi estas prava : sufiĉis se oni *volis vidi*, kaj oni ĝuste vidis.

—„Tre bone : oni vidas la alan kaj la vostan finojn unu supre de l' alia. Sur via desegnaĵo, kie do vi devis loki la alan finon ?"

Kaj la lernanto krajone markas sur sia papero la ĝustan lokon, kie oni devas desegni la alon.

Kelkfoje, la respondo ne ankoraŭ estas sufiĉe preciza. Tiam sufiĉas, se mi demandas :

— „Ĉu ĝi estas pli alte aŭ pli malalte ol ĉi tiu punkto, kiun vi ĵus markis ?"

Kaj, per sia krajono horizontale tenata, la lernanto povas tuj respondi :

— „Ĝi estas iom pli alte, ĝuste je la alteco de l' rado . . ."

Aŭ :

— „Tre pli malalte, je unu ala dikaĵo supre . . ." ktp.

Kaj pravajn respondojn mi ĉiam konstatas, sed aldiri mi devas :

— „Tiujn du aŭ tri demandojn, ne do atendu, ke oni faru al vi ; sed vi mem faru ilin al vi, mallaŭte, kiam vi tuj desegnos ĉiun desegnotan parton . . . kaj certe ĝusta via desegno estos."

Kaj mi eĉ aldonas, eble iom severe :

— „Ĉar vi diris al mi en kiu preciza loko la alo estis desegnota, kaj ĉar vi en alian lokon metis ĝin . . . vi do *intence* desegnis malbone !"

* * *

Sume, por ĝuste desegni, oni nur bezonas bone vidi.

Kaj, per tre mallonga resumo, oni eĉ povas diri ke, por povoscii fari skizon, preskaŭ sufiĉas, se oni scias rekoni, ĉu iu punkto estas dekstre aŭ maldekstre de alia punkto, kaj ĉu ĝi estas pli alte aŭ plimalalte. Kaj, dum mia tuta profesora kariero, mi neniam trovis unu lernanton, kiu ne scias rekoni tion !

Miaj gelegantoj, kiuj interesiĝas pri desegnado, profitu la mallongan lecionon, kiun vi ĵus ĉeestis, kaj kiun mi ankoraŭ skribis sur neniu el miaj francaj verkoj, *la Senprofesora Desegno, la Desegno per la Desegnado, la Dekleciona Akvarelo.*

Ili *volu* vidi . . . ili ankaŭ povoscios desegni.

JOËL THÉZARD
Profesoro pri desegno en la Liceo Gimnazio
kaj Seminario Normala Lernejo de Niort Francujo.

---

# La instruada afero de la finugraj popoloj.

DAURIGITA.

## 2. Mezlerneja instruado en Finlando.

Dum la mezepoko la katolika eklezio estis la gvidanto de la instruado. Gi enkondukis la „septem artes liberales", kiel en aliaj eŭropaj ŝtatoj. Dum la Reformacio ankaŭ en ĉi tiu tipo de la lernejoj ni trovas grandan transformiĝon, kies rezultato restis proksimume ĝis hodiaŭ. La unuajn plandsignojn de la gimnazia instruado ni trovas en la XVII· jarcento. La leĝa organizo de la mezlerneja instruado okazis en 1804. Ĉi tiu fina lernejtipo estas transformita en 1843, 1872 kaj 1883. La leĝo de 1883 regulas precipe la problemon de la lingvo kaj fondas la definitivan formon de la fina mezlernejo, liceo (finlingve lyseo). Ankaŭ ni uzos la vorton „liceo" anŝtatau gimnazio.

Tre interesa estas la problemo de la lingvo. Estas nenio malhelpaĵo en la popollernejo, ĉar en la dulingva (fina kaj sveda) Finlando la politikistoj kaj pedagogoj jam delonge opiniis ke la instruado povas okazi nur en la gepatra lingvo. Ne tiel facila estas la problemo en la mezlernejo, car ĉi tie la nacia ŝtato postulas sian rajton. La grandaj kulturaj bataloj finiĝis per la venko de la fina lingvo. En Finlando la sveda lingvo estas plenrajta dua ŝtatlingvo. Post la sukceso en la mezlernejo la universitataj studentoj postulis, ke oni havu finajn profesorojn, prelegojn, finan ekzamenan lingvon je la plej nova kaj plej granda univerzitato.

La lingva batalo en la mezlernejo okazis en la dua duono de la pasinta jarcento. En la estinteco la instrulingvo de la finaj mezlernejoj estis post la latina la sveda lingvo. Eĉ ruslingve oni devis instrui kelkajn studmaterialojn en Viipur post la anekso de la lando al Ruslando (1812). En la sesdekaj jaroj la lingva problemo fariĝis urĝa, ĉar troege developiĝis la fina nacia konscio, kaj la nacia kulturnivelo. En 1871 oni malfermas la unuan finlingvan liceon en Helsinki, kion sekvas ses aliaj sekvontjare. Oni opinias en Finlando, ke ĉiu instruita finlandano devas paroli fine kaj svede.

La fina mezlernejo dankas sian originon al la 1872-jara kompromiso. Ni ne konsideras nun kelkajn transformojn, sed parolas nur pri la konatigo de la hodiaŭa formo de la mezlernejo. La fina liceo konsistas el 5 klasoj en la suba divido. La supra divido havas 3 klasojn. Ekzistas ankaŭ kvar klasikaj liceoj.

Krom la liceoj oni trovas multajn lernejojn, kiuj estas similaj al la burĝaj lernejoj kaj estas kun siaj kvin klasoj inter la popollernejo kaj la supra divido de la liceo. La finlandanoj ĝin nomas „keskikoulu", mezlernejo en restrikta senco. Ĉi tiu tipo estas memstara.

Krom la liceoj eksistas ankoraŭ du aliaj tipoj: la ekonomia kaj komerca lernejo. Antaŭ du jardekoj oni enkondukis du lernejtipojn, kiel eksperimenton, kies supra divido korespondas al la supra divido de la liceo, sed ĝia suba divido estas nur triklasa kaj ne baziĝas sur la kvarklasa popollernejo, kiel ĝenerale la liceoj, sed sur la sesklasa popollernejo.

Ĉi tie ni mencias la „Aufbaŭschŭle": kiu estas produkto de Germanujo, kiel rezulto de la demokrata lernejpolitiko. Ĝia celo, ankaŭ en Finlando, estas la plifaciligo de la lernado de la talentaj, sed malriĉaj vilaĝaj lernantoj. La jam la popollernejon finternantaj 13-14 jaraĝaj lernantoj estas akceptataj en la tria klaso de la „Aufbaŭschŭle". Do, ĉi tiu tipo konsistas el la aliaj supraj ses klasoj de la liceo, sed sen klasikaj lingvoj. La du supraj klasoj estas bifurkitaj: modernlingvo-ekonomia kaj matematik-scienca divido. Nur 17 lernejoj el ĉi tiu tipo estas en Finlando.

La filinoj frekventas sesklasan mezlernejon sen klasikaj lingvoj. Estas alia naŭklasa tipo, kies nivelo estas pli supra, kie oni instruas filozofion kaj pedagogion. Ĝiaj ses supraj klasoj estas tute analogaj kun la jam menciita sesklasa tipo. Grandan nombron havas la miksitaj lernejoj en kiuj knaboj kaj knabinoj kune lernas. Ankaŭ en Finlando oni ne ŝatas plu tiamaniere la koedukadon, kiel antaŭe.

En la finaj lernejoj la instruado okazas gepatralingve (fine aŭ svede). En la popollernejo oni ne instruas, nek eksterlandan, nek alian patrolandan lingvon. En la mezlernejo oni jam instruas la duan patrolandan lingvon kaj unu-du aliajn lingvojn, precipe la germanan. La greka lingvo estas instruata nur en la kvar klasikaj liceoj, sed ankaŭ en ĉi tiuj oni povas elekti inter greka kaj franca., la latinan lingvon oni instruas nur en la tri supraj liceaj klasoj. Post la studoj la lernantoj faras skriban kaj buŝan ekzamenon el kvin studmaterialoj laŭ iliaj lingva-historia aŭ matematika naturscienca studo La ekzamenkomitato estas en kontakto kun la universitato kaj la ministro de la publika instruado direktas unuece en la tuta lando la temojn.

En Finlando estas 79 ŝtataj, 3 urbaj, 147 privataj mezlernejoj entute 229, el kiuj oni instruas fine en 179, svede en 46, ruse en 3, germane en 1, entute 229.

Dum la rusa regado developiĝis la privatinstitutoj en kiuj oni vartis la nacian sentimenton. Hodiaŭ ili ricevas ŝtatan subtenon.

La eduka spirito de la malnovaj finaj mezlernejoj grandparte kontribuis al la developigo de la ideo liberigi sin de Rusujo.

La fina lernejorganizo estas karakterizata per la senco por la praktiko, per sobreco, modernaj lingvoj, natursciencoj. Ĝia konstruo estas tre pripensita, logika kaj klare dividita. *(Daurigota),*

ANDREO GAŬDER
Molnárstr. 31. Szeged Hungarujo.

# Bibliografio.



P. Th. JUSTESEN, Rafflesia Arnoldi. Bildo kun teksto.

2 resp. kup. Havebla ĉe la aŭtoro : Fannerup per Kolind. Danujo.

Rafflesia Arnoldi estas parazita gigantfloro kreskanta en la arbaroj de Sumatro kaj Borneo.

La aŭtoro en antaŭaj jaroj pristudis tiujn kreskaĵojn kaj faris belajn fotografaĵojn. De tiuj li aperigis en ĉi tiu malgranda broŝuro kvin. La klariganta teksto estas mallonga, miaopinie eĉ tro mallonga por bone kompreni, kion la aŭtoro volas montri ĉe la por ni tre malordinaraj floroj. Kial li ne verkis iun pli longan tekston (la vivo de Rafflesia estas ja treege interesa), kaj kial li ne surpresigis sur la bildojn klarigojn, kiel en sia angle verkita artikolo en Annales du jardin de Buitenzorg (vol. 23) ?

M. K.

## La vojo - por ni ĉiuj.

Ne estas dubinde, ke ĉiuj legantoj de nia I. P. R. jam konas la nederlandan revueton por junaj (plej junaj) adeptoj de Esperanto - *LA VOJO-n.* Presita ĝi aperas nun, kun bonaj bildoj kaj taŭga Esperanto-kurso. Vi ĉiuj ja scias, ke mi parolas pri la monata gazeto por infanoj, kiu aperas en *Amsterdam,* sub lerta gvidado de s-ino *E. Faulhaber,* fidela helpantino kaj edzino de la konata estro de la Federacio de Laboristaj Esperantistojn en la regiono de la Nederlingva lingvo.

Certe neniu volas kontraŭstari, kiam mi diros, ke La Vojo estas la plej bona gazeto, kiu ĝis nun aperis en Esperantujo *por niaj etuloj.* Kaj ni povas ĝin senhezite *rekomendi* ankaŭ al pli maturaj legantoj, al niaj kursgvidantoj, instruantoj kaj instruistoj de la lingvo, kiuj ŝatas la materialon por la kurso kaj *serĉas* la vojon.

Ĉiu samcelano devas ĝoji pro ĉi tiu sukceso de la Federacio kaj - iom *kunhelpi* al la redaktorino.

Jen la vojo :

1. *Ni montru* la revueton ĉie, kie oni parolas pri junularo - precipe en la pedagogia mondo, en la societoj de la junularo, al redaktoroj de porinfanaj gazetoj naciaj.
2. *Ni rekomendu* ĝin al nia esperantista junularo kaj *uzu* ĝin en kursoj.
3. *Ni sendadu* al la redakcio adresojn de bonaj (atentu : nur perfektaj !) junaj korespondantoj.

La gazeto servas nur al la plej junaj kaj *ni bezonas ilin.* Vana estas plendo, ke tiu aŭ alia lerneja estro malhelpas nin en la propagando - ni montru *la vojon al niaj infanoj,* la vojon al la pli bona mondo, por kies estonteco laboras *LA VOJO !*

Julie Šupichová
(Praha).

Rimarko de la redaktoro : Ankaŭ bone uzebla estas : *„La juna Vivo".*

**„La Juna Vivo"** eldonis internacian kantaron kun 34 konataj kantoj el la jam aperintaj numeroj de la gazeto „Juna Vivo". Treege taŭga materialo por niaj infankursoj, kie kantado povos krei intiman sferon.

Klara preso (ankaŭ la muziknotoj) sur bona papero. Kovrilo fortika. Kaj la tuto kostas nur 0.35 nederl. guld. Havebla ĉe la konataj adresoj kaj ĉe la redaktorino de „Juna Vivo" en West-Graftdijk (N.-H.) Nederlando.

Ankoraŭ aperis por kantemiuloj en niaj esperantistaj kluboj, alloga materialo, nome : **KOMUNA KANTLIBRO,** redaktita de H. W. kaj N. Holmes, kaj eldonita de The Esperanto Publishing Co., Ltd., Anglujo.

Prezo unu ŝilingo, afranko unu penco. Aĉetebla ĉe ĉiu Esperantista libro-vendisto, aŭ rekte ĉe Libro-servo de Internacia Esperanto-Ligo, Heronsgate, Rickmansworth, (Herts.) Anglujo po 1 ŝ. 1 p. aŭ 5 internaciaj respondkuponoj, afrankite.

# T.A.G.E. Tribuno.

## Pri Interŝtata Esperanto Akordo.

Leginte la ĉefartikolon de D-ro Antoni Czubrynski pri Interŝtata Esperanto Akordo (Esperanto majo 1937), mi tute konsentas pri tio, ke tia akordo estas celo, kiu indas la atenton kaj la klopodojn de ĉiuj esperantistoj. Mi ankaŭ tute konformiĝas kun lia opinio, ke tia ideo devas transformiĝi al movado, gvidota preskaŭ diktatore de centra komitato, kiu estras naciajn komitatojn en la diversaj landoj kaj pere de ili ankaŭ la tutan esperantistaron, almenaŭ pri tiu afero.

Kompreneble tia organizo renkontos multajn malfacilaĵojn. 1) La esperantistaro konsistas el sufiĉe, parte treege individualistaj homoj, kiuj tute ne ŝatas kaj eĉ ne komprenas la valoron de disciplino kaj forte malamas la nuran vorton diktatoro. Tial oni devas tre singardeme agi, ne antaŭenpuŝante la aferon per tiaj remedoj, kiaj povus ŝoki tro multajn samideanojn; tamen oni devas alceli fortan centran komitaton, kiu povas laŭ la bibliaj vortoj uzi la diktatorecon kvazaŭ ĝi tute ne uzus ĝin. 2) La malagrablaj kvereloj inter U. E. A. kaj I. E. L. certe forte malutilis al la tute movado, kaj tiaj estas en la estonto zorge evitindaj. La komitato tial devas esti kreata tute sendepende de ambaŭ organizoj; kompreneble sen rompo kun ili. 3) La kvereloj inter la diversaj nacioj kaŭzas, ke oni devas serĉi landon por la centra komitato, kiu ne partoprenas tiujn kverelojn kaj samtempe havas bonan situacion, fortan kaj celkonsian esperantomovadon kaj personojn, kiuj povas sin tute dediĉi al la centra organizo de tiu laboro. 4) Tamen oni devas konfesi, ke ne estas facile trovi personojn, kiuj havas ĉiujn tiujn ecojn, kiujn devas posedi la anoj de tia centra komitato, kies laboro devas esti samtempe i.a. propaganda, diplomatia, organiza, estra kaj pedagogia.

Koncerne la landojn, konvenajn por la centra komitato, oni ankaŭ menciis Svedlandon. Mi volonte konfesas, ke mia lando havas multe da meritoj. Ni havas bonan rilaton kun ĉiuj aliaj nacioj kaj posedas en la mondo treege bonan reputacion. Ni ankaŭ tute malhavas imperialistajn celojn. Nia esperantomovado estas forta kaj celkonscia, kaj mi esperas, ke eventuala plebiscito inter la neesperantistoj de Svedlando povus havi sufiĉe bonan rezulton, se oni nur organizus ĝin bonege. Sed mi ne scias, ĉu ni havas la taŭgajn personojn, nia situacio en unu ekstremo de Eŭropo ankaŭ povus kaŭzi malfacilaĵojn, kaj la formalismo de la sveda burokratio povas malfaciligi la subskribon de nia registaro al la akordo mem.

Pri aliaj landoj mi nur volas diri, ke mi tute samopinias kun D-ro Czubrynski en tio, ke la malgrandaj aŭ duonmalgrandaj landoj inter Finnlando kaj Greklando estas la plej konvenaj por tiu laboro. Mi ankaŭ volus proponi, ĉu oni ne povus krei ankaŭ regionajn komitatojn por certaj ŝtataroj, kies membroj havas unu kun la alia sufiĉe fortajn kunligojn sed tamen grandajn lingvajn malfacilaĵojn. Ekzistas ja speciala balta kunlaboro, ekzistas ankaŭ grava kaj aflikta danuba problemo, k.t.p. Car ni jam havas ioman apogon en Finnlando. Aŭstrujo, Hungarujo kaj Ĉeĥoslovakujo ni devas komenci la laboron samtempe inter la baltaj kaj la danubaj popoloj, ŝparante laŭ la ideoj de D-ro Czubrynski la laboron en Germanujo, Francujo kaj Anglujo ĝis plue.

Se oni volas eviti la intermikson en tiu demando de U. E. A. kaj I. E. L., estas tute nature, ke oni pripensas la ekziston de T. A. G. E. kaj demandas: ĉu oni povus aranĝi la centran komitaton en proksima kunligo kun tiu organizo kiu ja jam laboras laŭ la devizo: „Esperanto en la lernejon tutmondan!" Mi ne bezonas multe paroli pri tio, ke T. A. G. E. sentas sin treege honorigita pro la decido de la kongresa komitato aranĝi la diskutojn pri tiu ĉi gravega problemo dum niaj fakkunsidoj, al kiuj oni ja ankaŭ dediĉis sufiĉe grandan tempospacon. Kaj mi ankaŭ ne bezonas diri, ke T. A. G. E. estas forte interesata de la tuta ideo kaj movado pri Interŝtata Esperanto Akordo. Ni ankaŭ staras ekster la diversaj kvereloj, ĉu interŝtataj, ĉu interesperantistaj. Sed tamen, la gvidado de la tuta movado povus fariĝi tro peza

ŝarĝo por la ankoraŭ iom malfortaj ŝultroj de T. A. G. E. Sed ni povas en tiu kunligo kaj fari promesojn kaj esprimi dezirojn.

1) Pro la graveco de T. A. G. E. kaj ties sufiĉe forta evoluo dum la lasta jaro, ĝi deziras specialan influon, kiam oni kreas la centran komitaton, kie T. A. G. E. pere de sia estraro aŭ alimaniere deziras elekti unu aŭ kelkajn menbrojn (laŭ la tuta nombro de la komitatanoj). 2) Ni ankaŭ deziras, ke la kreotaj naciaj aŭ regionaj komitatoj laboru en proksima kontakto kun la jam ekzistanta organizo de T.A.G.E., kun ĝiaj anoj, ĝiaj sekcioj, ĝiaj agentoj k. t. p., apogante laŭeble la varbadon de anoj kaj la kreadon de T. A. G. E.-sekcioj en landoj, kie ankoraŭ ne ekzistas tiaj. 3) Se la centra komitato deziras specialan organon por siaj komunikoj, Internacia Pedagogia Revuo proponas siajn servojn, kaj T. A, G. E. opinias, ke ankaŭ en la estonto I. P. R. devas esti unu el la oficialaj organoj por la movado de I. E. A. Pro tio la centra komitato kaj la naciaj komitatoj ankaŭ devas varbi por I. P. R., kaj oni povas poste, kiam la movado havos sufiĉe da mono diskuti, ĉu I. P. R. ne povus ricevi monan subvencion, tiel ke ĝi povus aperi ĉiumonate kaj eble kun pli ampleksa enhavo. 4) Por la estonta kreado de perfektaj geinstruistoj esperantistaj T. A. G, E. deziras, ke la aranĝoj estu laŭeble organizataj tiamaniere ke la kursoj estu aranĝotaj kunlabore de T. A. G. E. kaj la esperantoinstitutoj en diversaj landoj, la ekzamenoj kontrolotaj kaj la disdonotaj diplomoj subskribotaj de reprezentantoj de la koncerna instituto kaj la estraro de T. A. G. E.

Koncerne la praktikajn disponojn en la aktuala situacio mi proponas: 1) ke la kongreso elektu provizoran organizan komitaton kaj rekomendu la tutan problemon al la esploro de la naciaj organizoj, 2) ke la provizora komitato transdonu la problemon por esploro al la naciaj estraroj, kiuj prepare diskutu la eblecojn krei nacian aŭ centran komitaton, interveni ĉe la registaro, aranĝi plebisciton kaj organizi kursojn por geinstruistoj, 3) ke la provizora komitato kaj la landaj asocioj dum tiu laboro agu en konstanta kontakto kun T. A. G E., ĉu kun la landa agento, ĉu kun la estraro mem kaj 4) ke ĉiuj plej gravaj ĉefartikoloj kaj raportoj almenaŭ en konciza resumo aperu ankaŭ en I. P. R. kondiĉe ke la limigita loko de tiu revuo permesas tion aŭ la koncerna organizo povas doni la I. P. R. monan subvencion.

Provizore tiu raporto nur enhavas miajn proprajn pensojn pri tiu problemo, sed ĝi estas sendota ankaŭ al la estraro de T. A. G. E. por akiri ĝian aprobon.

Höja. Hästveda la 16.7 1937.

Bj Bekm[signature]

Gimnazia profesoro.
Prezidanto de T. A. G. E.

---

# Esperanto kaj Instruado. *)




La propagando por nia movado nuntempe ofte okazas sub devizo: „Esperanto en la lernejon." Ni propagandas kaj parolas pri ĉi tiu temo al aŭtoritatuloj, sed antaŭ ĉio ni devos interesigi la instruistaron kaj la gepatrojn de la lernejanoj, kiujn ni volas atingi. En la propagandaj kunvenoj oni ĉiam montru plej multan materialon, rilate al la lingvo-uzado per la junularo: kurso-libretoj, legolibroj, gazetoj kaj korespondaĵoj. Sed por akiri en tiaj kunvenoj plej grandan nombron da aŭskultantoj, oni devas apliki ion treege allogan por la publiko. La estraro de T.A.G.E. priparolis tion kaj opinias, ke granda kvanto da *infandeseĝnaĵoj* povos efiki kiel sufiĉe grava allogaĵo en kunvenoj, kien oni petas personojn, kiuj havas intereson por edukado kaj instruado. Tiamaniere ni pli bone kunvenigos ĝuste tiujn personojn, kiujn ni antaŭ ĉio bezonas por enkonduko de Esp. en la lernejojn.

Por tiuj celoj T.A.G.E. kolektos nun infandesegnaĵojn, plej diverslandajn kaj mi petas al vi, karaj gekolegoj, vian afablan kunlaboron. B.v. sendi al mia adreso, antaŭ la unua de januaro 1938-a, sufiĉe grandan kvanton da infandesegnaĵoj. Indiku s.v.p. sur ĉiu folio, la aĝon de la lernanto, kiu ĝin desegnis. Se vi opinias necese aldoni kelkajn rimarkojn, b.v. tion fari sur aparta papero.

El la ricevita materialo mi faros specialan ekspozicieton, kiun mi poste povos pruntedone sendi al ĉiu kolego aŭ propagandisto, kiu ĝin bezonos por „lerneja" kunveno. Sed pripensu, ke tia materialo *nur* povos esti valora, *se ĝi estos plej varia,* do nur *se multaj kolegoj el multaj landoj helpos.* Ĉu mi povos kalkuli je via kunlaboro??

**P. KORTE.** administranto de T.A.G.E.
Schoolstraat 13. **VEENDAM** (Nederland).

---

*) aliaj gazetoj estas afable petataj **represi** ĉi tiun alvokon.

SOCIETO de HISTORIAJ-kaj GEOGRAFIAJ PROFESOROJ en FRANCLANDO.

Grava afero por nia esperantista propagando!!

**Respondu amase.**

1. Profesoro Troux en Liceo Voltaire, PARIS, XXe, Rue Pelleport 54, kolektas por la bulteno de la societo, horarojn de historiaj-kaj geografiaj klasoj en duagradaj lernejoj.
2. Profesoro ROBERT GÉRARD en unuagrada supera lernejo, CHALONS-SUR-MARNE, 75 Rue de Fagnières, kolektas tradukaĵojn de ĉapitroj el lernolibroj por lastaj klasoj de unuagradaj lernejoj, koncerne la devenojn de la mondmilito, 1914—1918.

Antaŭdankon.!!

# Esperanto en la lernejon!

Ĉu vi volas helpi efektivigi tion?

Ĉu vi opinias, ke forta geinstruista asocio povos alporti gravan helpon?

Propagandu do: **T.A.G.E. kaj I.P.R.**

## „ĈIELARKA STANDARDO"

estas la unua kaj sola internacia kooperativa gazeto esperantlingva. Originalaj artikoloj el teorio, historio, nuna stato, praktika kaj bibliografio de kooperativismo el ĉiuj landoj. Jara abono 7 sv. fr., pageblaj ankaŭ kvaronjare.

Interesatoj petu specimen-Nron ĉe la Eldon-Kooperativo „Spólnota Pracy" Warszawa (Varsovio) str. Marszalkowska 149/9, Pollando.